# LA GAZETO

## ENHAVO



**REPRESO DE LA KOMPLETA SERIO DE "LA ESPERANTISTO" • LA 2-A INTERNACIA FORUMO DE LA MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ OKAZOS EN ATENO INTER 26JUL86 KAJ 2AŬG86.**

numero 1. 15DEC1985.

# PRI LA GAZETO!


**L A  G A Z E T O**
**sessemajna kleriga periodaĵo de la**
**MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ**
**por disvolvigo de la esperantista kulturo**

Eldonas:
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro:
Eugène de Zilah

Redakta Komitato:
M F K A - 002 - METZ

Grafikisto:
Daniel Nonnenmacher

Fotisto:
Edgar de Zilah

Adreso de la redakcio
kaj administracio :

**L A  G A Z E T O**
**39, rue Joseph Hénot**
**F - 57070 M E T Z**

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F - 57000 M E T Z
pĉk. 762 79 P NANCY

Abonprezoj:
- 1 jara (6 numeroj) : 12 ekuoj;
- 2 jara (12 numeroj) : 21 ekuoj;
- 3 jara (18 numeroj) : 29 ekuoj.

LA GAZETO ne aperas dumsomere.

Anoncoj:
1/4 da paĝo = 40 ekuoj.

Grupoj de MFKA rajtas
anonci senpage.

Recenzoj:
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj
al la Redakcio.


ABONPREZOJ LAŬ LANDOJ

Se vi ne povas **poŝte** ĝiri, aŭ sendi **poŝtmandaton** bonvolu skribi al LA GAZETO, ni sendos al vi fakturon, kaj klarigos al vi kiel oni povas aboni el via lando (eĉ se ne pagipova). Por ke vi havu ideon pri la abonkotizoj, jen la prezoj de unujara, dujara kaj trijara abono en via nacia mono :

* A=186/326/450As * B=535/935/1290Bs * BG=10/-18/25BGs * CDN=21/39/58CDNs * CH=22/38/52CHs * D=26/46/64Ds * DK=96/168/231DKs * DZ=50/86/-119DZs * E=1600/2900/3900Es * F=81/141/195Fs * GB=7/12/17GBs * GR=1600/2700/3800GRs * H=490/-860/1200Hs * I=17900/31000/43000Is * IL=5000/-26000/36000ILs * IS=420/740/1000ISs * J=2100/3600/-5000Js * L=530/930/1300Ls * MA=100/175/242MAs * N=80/140/193Ns * NL=30/52/72NLs * P=1650/2900/-4000Ps * PL=1520/2600/3600PLs * S=80/140/190Ss * SF=57/100/137SFs * SU=8/14/19SUs * TG=4000/-7000/9700 * TN=8/14/19TNs * TR=5700/9900/-13700TRs * USA=15/28/40USAs * YU=3000/5200/-7200YUs

**ABONU PER SIMPLA LETERO !**

**La Gazeto**
**39, rue Hénot**
**F-57070 Metz**
**Francio**


Directeur de la publication : Madeleine de Zilah

Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz

Depôt légal : L1 - 1979/85

# KARA ABONANTO !

Estas preskaŭ miraklo, ke vi tenas antaŭ viaj okuloj ĉi tiun unuan numeron de **La Gazeto**. Envere ĉiuj specialistoj de la movado antaŭdiris la katastrofon, kaj ĉiuj rajtas fieri pri sia klarvido: ili pravis. Ili ne eraris dirante, ke ne ekzistas sufiĉe da **veraj esperantistoj** por vivteni periodaĵon kiel **La Gazeto**. Ili diris, ke plejmulto da esperantistoj ne estas kleriĝemaj, ili ja estas tro kontentaj ne plu esti en lernejo etnolingva, por ĝoji pri ebleco plulerni en Esperanto. Ili diris, ke plejmulto da esperantistoj ne estas intelekte maturaj, ili ja estas tro kontentaj, ke aparatuloj pensadas anstataŭ ili, por aboni ĵurnalon, kiu postulas, ke oni pensu mem. Ili diris, ke la esperantistaro estas stranga sekto, kiu ne kapablas elporti herezulojn, nek novajn ideojn, kiu abomenas la kreantojn, kaj kredas, ke unuiĝo en la malbono plivaloras ol kunlaborado en toleremo. Ili diris, ke mezaĉuloj, kiuj ekhavis iun gravecon, kredante, ke posteno donas kapablon, neniam pardonus al simplaj esperantistoj publike eldiri siajn spertojn pri la aparatuloj. Ili diris..., ili diris..., ili diris ankoraŭ aliajn verojn. Kaj ili pravis.

Ni, ni esperis alian veron, novan veron. Ni kredis, ke la esperantistoj amas Esperanton, kaj, ke la nepreco de la pluportado de nia kulturo estas nediskutebla evidento. (Cetere, neniu kuraĝis diri al ni, ke ni malpravas). Oni kritikis niajn " ŭ " literojn, anstataŭ " ŭ " literoj, kiujn nun ni havas, aŭ niajn opiniojn pri UEA (unu el la esperantistaj organizaĵoj), aŭ gramatikajn erarojn, kiuj bedaŭrinde enŝoviĝis en la numeron 0, kaj kiujn ni humile korektas en ĉi tiu numero, sed **neniu volis paroli pri la fundamenta problemo : kiel pluvivos nia kulturo.**

Ili pravis, kaj ni malpravas. Endus iom malpli ol 1000 abonantoj por ke ĵurnalo kiel **La Gazeto** povu pluekzisti, kaj ne ekzistas 1000 Esperantistoj, kiuj kredas pri la neceso de ĝia ekzisto. Do kion fari? — Ĉu ni resendu la monon? Ni ja ne estas ŝtelistoj!

Ideo facila, sed malkuraĝa, kion tuj malakceptis **la** abonantoj, kiujn ni renkontis. "Via devo estas daŭrigi, kion vi komencis, se ne, vi estas malkuraĝuloj kaj mensogantoj" — ili diris. Jes, sed kiel daŭrigi agadon kiam la orbovido vin tretas? "Petu **la** helpon de grandaj organizaĵoj, kiuj pretendas, ke **ili** ekzistas por Esperanto". Tiam mi ekridintus, se **jam** mi ne estintus ploranta : la ideo de Jesuo **prunt**eprenanta 30 denarojn de Judaso, ja estas **ridiga.** (Por ke oni ne ataku min ĉiflanke mi tuj **diras,** ke mi ne opinias, ke mi estas Jesuo, nek **cetere** Napoleono aŭ Dio, kaj ke kiel ĉiuj scias, aŭ devus scii, analogio estas simileco de rilatoj, neniam rilato de similecoj, ĉi tio troviĝas en ĉiuj bonaj traktatoj pri retoriko.) La problemo ŝajnis nesolvebla. Se vi tamen estas leganta ĉi tiun artikolon, tio signifas, ke **ni tamen elturniĝis sen foroferi iun ajn valoron de "La Gazeto".**



*Eugène de Zilah*

La numero 1 de **La Gazeto** estas simila al la numero 0, sed vi havos la numeron 2 post ses semajnoj. Anstataŭ dusemajna **La Gazeto** fariĝis sessemajna. **Vi ricevos, kompreneble, la 6, 9 aŭ 18 kajerojn, kiujn vi pagis,** ĉar vi fariĝis abonanto privilegiita. Kiel vi povas vidi sur la 2-a paĝo ni devis altigi la abonprezon por novaj abonantoj, sed vi, tiom longe kiom vivos **La Gazeto**, vi havos rabaton sur viaj reabonoj, tion signifas la "1", kiu komencas vian abonnumeron : vi estas **abonanto-fondinto.**

Ĉi tiu reformo povis nin savi kaj samtempe la valorojn, kiujn manifestas **La Gazeto**. La problemo




ekzistas nur pri la freŝeco de la MOVADAJ NOVAJOJ. Sed ni neiam volis publikigi listojn de datoj, kaj vera aktualaĵo apenaŭ ekzistas en la movado. La veraj novaĵoj de la movado estas la aranĝoj valoraj kaj ekzemplodonaj, organizitaj de elstaraj homoj el solidaj bazaj grupoj aŭ el fakaj asocioj. Ni ne plu havas sufiĉe da paĝoj por raportadi pri komitatumadoj, cetere ni ne kredas, ke vi perdas ion pro tio. Ni estas esperantistoj, kiuj parolas al esperantistoj. La propagandaj necesoj de la reklamaj proklamadoj ne estas la niaj. Pro tio, ni volus, ke niaj movadaj novaĵoj konatigu al vi valorajn homojn, valorajn grupojn, rekte, el vidpunkto de nesekteca, unuopa esperantisto, kiu simple ĉeestis kaj, senkaŝi siajn opiniojn proprajn, rakontas tion, kion li vidis, faris aŭ komprenis. Malamikojn ni ne havas, krom tiuj kiuj metas siajn ambiciojn personajn, siajn partipolitikajn konvinkojn, sian naciismon, sian religian sektecon super la interesoj de Esperanto. Do ni donos la eblecon esprimiĝi al ĉiuj kreantoj de nia kultura komunaĵo. Se vi legas opiniojn, kiuj ŝokas vin, ne ofendiĝu, sed pripensu la aferon, prenu vian plumon kaj respondu.

Nia rubriko NI LEGIS respegulas la saman animstaton. Vi jam certe komprenis, ke ne temas pri recenzoj, sed pripensoj, meditoj, eseetoj, koncerne librojn, kiuj iel valoris, pri kiuj oni sentas sin devigata paroli, kies legadon oni rekomendas al kulturemaj amikoj, kiujn espereble vi legos aŭ relegos.

Mi do skribos al vi pli malofte, ol antaŭvidite, kaj tamen esperas, ke vi ne forlasos la laboron por nia kulturo, nek la klopodojn por diskonatigo de **La Gazeto**. Eble post kelkaj jaroj miloj da esperantistoj komprenos tion, kio jam nun evidentas por ni. Tiam **La Gazeto** fariĝos denove pli ofta.

*Eugène de Zilah*

---




Ni dankas vin pro viaj multaj kuraĝigaj leteroj. **LA GAZETO** publikas el ili nur tiujn, parte aŭ tute, kiuj povas iel interesi nian legantaron. Vi certe pardonos, ke ni fortranĉas ĉiujn atakojn tro drastajn kontraŭ unuopulojn, kies fiagadoj ŝajnas al vi la honto de Esperantio, sed kiuj ofte kredadas, subjektive, ke ili utilas al la Movado.

***S-ro P.H. van Terwisga (NL)***

*...Kun plezuro mi konstatas, ke vi uzas la EKU-on kiel monunuon! Antaŭ nelonge mi jam planis konsili al ICNEM, fari tion por ĉiuj ĝiaj kotizoj, sed vidu : vi jam aplikas ĝin! ...*

**LA GAZETO** : Jes, ni provas, sed la homoj alkutimiĝas al la uzado de la ekuoj preskaŭ tiom malrapide, kiom al uzado de E-o. Kaj pro la samaj kialoj!

***S-ro Erling A. Haugen, (N)***

*...Dankon pro la alsendita provnumero de la nova gazeto, kiu ĝenerale ŝajnas al mi tre bonvena novkreaĵo. Nur unu punkto mirigis min kaj ne bone aŭguras : paĝo 17 : Tiel griza (-n?). Lingva instruo sur gimnazia nivelo ne devus enhavi tiajn misgvidajn asertojn. Mi konsilas al vi konsulti ĉe PAG 171-175 (paĝoj 234-239) kaj ĉe Ivo Lapenna. ...*

**LA GAZETO** : Vi nekontraŭdireble pravas. Ni humile pardonpetas kaj petas niajn legantojn anstataŭigi, sur la paĝo 17 de la n-ro 0, la trian alineon per la korektaĵo, kiun ili trovas en "NIAJ ERAROJ".

***S-ro Osmo Buller, (UEA)***

*... Permesu al mi noton pri viajn komentoj pri la Filozofia Simpozio de FAT en Augsburgo (La Gazeto, n-ro 0). Efektive temis pri simpozio de FAT — kiel diras ankaŭ la titolo de via artikoleto — ne pri aranĝo de UEA. Laŭ la mendo de fakaj k.a. asocioj ni disponigas por iliaj aranĝoj salonon kaj aliajn ekipaĵojn, sed ne enmiksiĝas en la programon. La eksteraj kadroj de la FAT-simpozio estis aranĝitaj laŭ la koncerna mendo de prof. Pauli. Bedaŭrinde la leganto nun komprenas, kvazaŭ UEA estus fuŝinta la simpozion (se entute ĝi estis fuŝa). Kvankam filizofio estas mia ŝatokupo, pro labordevoj mi ne povis ĉeesti la simpozion. Do, mi ne povas komenti vian kritikon pri la taŭgeco de la faritaj prelegoj — al UEA-oficisto tia komentado eĉ ne apartenas. Sed la konkludon, ke "UEA ne volas internacilingvan filozofion", mi nepre refutas. UEA volas, ke ĉia faka aplikado de Esperanto prosperu kaj ĝi ĝojas pri la bone komencita agado de FAT, kiu en Aŭgsburgo fariĝis kunlaboranta faka asocio de UEA. Kun plej varmaj salutoj kaj bondeziroj...*

**LA GAZETO** : Profesoro Pauli, prezidanto de FAT, diros, se la aranĝo estis vere konforma al lia mendo. La programon preparis membroj aparten-

antaj al ambaŭ asocioj, laŭ la farmanieroj konataj de UEA. Ĉiumaniere la **Filozofia Asocio Tutmonda ne estas asocio de UEA.** FAT estas memstara asocio, kiu akceptis kunlabori sur komunaj kampoj kaj por komunaj celoj (se entute ili ekzistas kaj post pridiskutado) kun UEA. Similan kontrakton pri kunlaboro FAT jam faris, kaj certe ankoraŭ faros, kun aliaj organizaĵoj, ĉiam, kiam ĉi tipa kontrakto povas plibonigi la porfilozofian laboron.

*D-ro Josef Kondor, (D)*

*Vian movadan periodaĵon LA GAZETO, n-ro 0 mi ricevis antaŭ nelonge. Mi havas la impreson, ke la gazeto plaĉos ankaŭ al multaj aliaj gesamideanoj, kiuj serioze laboras por la disvastigo de Esperanto. La unua ĉefartikolo precipe plaĉas al mi, ĉar vi tuŝas temon, kies solvo estas urĝa tasko de la esperantistaro, nome* ***la lernejan instruadon.*** *La enhavo estas instrua, ege interesa, la tekstoj verkitaj en la plej pura E-stilo. Kvankam mi abonas multajn aliajn E-revuojn, gazetojn, kiel ekz. "Monato", "Heroldo de Esperanto", "Espero Katolika", "La Migranto", "El Koreujo", "La Espero", "El Popola Ĉinio", "Esperanto" de UEA, "E-aktuell", ktp. tamen mi provas mendi vian gazeton por 6 sinsekvaj n-roj esperante, ke ankaŭ ili same plaĉos al mi kiel la n-ro 0.*

**LA GAZETO :** Ni klopodos plejbone fari, sed la esencaĵojn, kiujn vi tuj ekvidis, ne multe da esperantistoj kapablas vidi.

(Solvo de KVE-0)

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | J | U | B | I | L | E | A | ■ | J | A |
| 2 | A | L | I | Ĝ | I | S | ■ | S | U | R |
| 3 | R | O | L | O | ■ | K | I | A | L | O |
| 4 | O | ■ | E | S | T | O | N | T | A | J |
| 5 | ■ | A | T | ■ | I | R | ■ | E | D | ■ |
| 6 | Ŝ | L | O | S | O | T | ■ | L | I | A |
| 7 | I | A | J | ■ | M | O | V | I | ■ | J |
| 8 | A | R | ■ | M | A | N | E | T | A | N |
| 9 | ■ | M | I | O | ■ | ■ | T | O | G | O |
| 10 | M | U | N | I | C | I | O | J | ■ | S |

[solvo de MK-0]

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| **1** | 32 | 34 | **3** | 35 | **6** |
| 30 | 8 | 28 | 27 | 11 | 7 |
| 19 | 17 | 15 | 16 | 20 | 24 |
| 18 | 23 | 21 | 22 | 14 | 13 |
| 12 | 26 | 9 | 10 | 29 | 25 |
| 31 | **5** | **4** | 33 | **2** | 36 |





## FIGARO ĈI... FIGARO FOR ...

Aperis, en la "Antologieto de la franca literaturo" redaktita de R. Bernard, **La Barbiro de Sevilla,** kaj per ambaŭ manoj ni ekaplaŭdas. Ni certe publikos, en NI LEGIS, pripensojn pri la enhavo de la fama teatraĵo de **Beaumarchais** (bomarŝe). Ĉi tie ni nur elmetas du demandojn, kiuj min tikladas.
Unue : ĉu oni ne diris, ke por traduki necesas bone koni la elirlingvon (ĉi tie la francan) kaj la cel-lingvon (ĉi tie la internacian), sed ĉefe vivi en la kulturmedio de la elirlingvo, ĉar nur tiel estas garantiita la respekto de kunnotaĵoj kaj nuancoj? Ĉu oni ne diris, ke la granda supereco de esperantigoj, kompare al etnolingvigoj, fontas el la fakto, ke la tradukanto esperantigas ĉiam el sia propra lingvo? Se tiel, kial elekti (eĉ tre talentan) bulgaron por elfrancigi literaturaĵon?



*Beaumarchais ( 1732 — 1799 )*

Due : ĉu veras, ke la franca literaturscienco estas **Marksisma**? Oni perfekte komprenas, ke la nova "Hungara Antologio" estas redaktita laŭ marksismaj principoj (bv. kompari la 1933-jaran eldonon de H.A. kun la nova eldonaĵo!), marksismo ja estas ŝtatreligio en la nuna Hungario, sed ĉu ĝi ankaŭ estas ŝtatreligio en Francio, tiomgrade, ke oni devas redakti la "Antologieton de la franca literaturo" laŭ plej postrestintaj marksismaj-leninismaj principoj? Ĉu oni opinias la esperantistaron sufiĉe malklera por ne rekoni la plej malfajnan marksisman propagandon en teksto, kiel la jena:
"En la opinio de la popolo, li nun estis novriĉulo (lia posedaĵo estis netakseble granda), li apartenis al la klaso de la ekspluatantoj, li estis agento de la malŝatata monarkio. Plue li konstruigis luksan domon tute apud la karcero Bastilio, kaj en 1789, tiu aspektis kvazaŭ provoko. Oni eĉ klaĉis pri sekretaj tuneloj inter la domo de la karieristo kaj la Bastilio, oni flustris, ke li kaŝis armilojn kaj tritikon en siaj keloj." Ĉu oni povus klarigi al ni la rilatojn inter la verkaĵo tradukita kaj la vortoj, kiujn ni substrekis, en la ĉi-supera tekstero, almenaŭ enkadre de la franca, objektiva literaturscienco? Ĉu ekster la marksisma skolo, kvalite kaj laŭnombre neglektebla en Francio, iu analizadas literaturan verkon laŭ la vivkondiĉoj kaj la klas-aparteno de la verkinto? Se ekzemple strukturisma analizo estintus kunmetita, anstataŭ "Vivo de Beaumarchais" laŭ marksisma retoriko, ni certe bedaŭrus, ke oni tiomgrade sekvadas la modon francan, sed certe ni ne elmetus la demandon : **Ĉu temas pri nova pruvo pri la sovetisma mastrado de la franca branĉo de UEA?**

**S-ino Renée Triolle alvenis al la prezidanteco de la Unuiĝo Franca por Esperanto.** Ŝi estas bone konata de ĉiuj esperantistoj, almenaŭ depost la 1974-a puĉo, kiam ŝi sukcesis eniri la Komitaton de UEA, kiel kooptita komitatano **C**, specialisto de la rusa lingvo kaj de la rilatoj kun Sovetio, alelektita de jam elektitaj komitatanoj, post ŝia malsukceso kiel kandidato al posteno **B**, kiu dependas de veraj demokratecaj balotoj de individuaj membroj, kiuj amase 84 %-e restis fidelaj al la listo neŭtrala de la tiama prezidanto de UEA, prof. d-ro Iv Lapenna. Ŝi ĉiam diligente laboris por altrudi sovetismajn centrigajn principojn kaj la submetiĝon de la tuta movado al interesoj de sovetismaj landoj. Ĉi tiu nova sukceso malfermas al ŝi la vojon al la prezidanteco de UEA. Gratulojn !

**Nova kategorio de "individuaj membroj" de UEA**
Laŭ decido de la nuna estraro de UEA, oni aldoni novan membrokategorion al la jam ekzistantaj **Membro kun Gvidilo (MG)**. Tia membro ricevos de presaĵon de la Jarlibro de UEA, sen listo de fremd landaj delegitoj, pagos ridinde malaltan kotizon, **se estos plenrajta individua membro de la Asocio.** Ti signifas, ke la sovetismaj landoj povas krei, sen tr da elspezo, sufiĉe da individuaj membroj po kontrolmastri ankaŭ la voĉdonadojn pri komitatano **B**, sen la danĝero fari propagandon por delegitoj ka individuaj membroj, almenaŭ tiuj el ili, kiuj ankora ne estas sovetistoj, per tro ampleksa Jarlibro

# MOVADAJ NOVAĴOJ

Aldone, ĉi tiu tre inteligenta solvo evitos la eventualan rekaptadon de la mastrado de UEA, fare de liberaj landasocioj de neblokaj landoj, se, malgraŭ ĉio antaŭvidebla, la esperantismo disvolviĝus tro grandskale en okcidentaj landoj. La individuaj membroj, kiuj pagas la plejparton de la kotizoj, jam nun ne havas sufiĉe da povo en UEA por eviti partipolitikan kaptadon de la asocio (tio ekevidentis en 1974, dum la Hamburga Puĉo, detale priskribita en la libro de Lapenna : "Hamburgo en Retrospektivo"), sed ili povis iom roli kiel "opoziciuloj". De nun, ili daŭre pagos, sed ne plu tedos iun. Tamen oni rajtas esperi, ke kelkaj el ili, **la plej honestaj, malfermos la okulojn.**

**Disciplino kaj submetiĝo,** estas nutromamoj de Unuiĝo Franca por Esperanto. Ĝia revuo "Franca Esperantisto", en la n-ro 361 bis, klarigas por francaj esperantistoj, "el kiuj ajn fontoj aŭ opinioj", ke "**neniu plu rajtas resti ekster la reloj**", kiuj ne submetiĝas al la centra organizaĵo estas "nur esperantoparolantoj, do profitantoj". Nome la "**sendependemo**" **estas krimo**, kiun oni devas "**mastri**". Strange, sed ĉi tiu stilo ŝajnas taŭgi al plejparto de francaj esperantistoj. Oni diras, ke ĝi fontas el jarcentaj centrigismaj, burokratismaj tradicioj, aŭ, ke neniu legadas la u k a z o j n el Parizo, kaj, sekve, neniu kapablas ŝokiĝi pro la aroganteco de ĉi tiu sovetisma retoriko.

**Hamburgo 1974 — Varsovio 1985, simpla kontinueco.** Avaraj informoj venantaj el Pollando ne permesas al ni pli profunde analizi puĉon ĵus okazintan en Pola Esperanto-Asocio. Fakto estas, ke **demokratie** elektita Estraro de PEA **ne plu rajtas** e s t r i la Asocion. Superaj aŭtoritatoj de la internaj aferoj de Pollando anstataŭigis demokratie elektitajn estraranojn per **komisaroj,** t.e. per esperantistoj-kompartianoj fidelaj al la puĉo de generalo Jaruzelski. Multfoje oni avertis, ke okazigi UK-on kaj aliajn kongresojn en Pollando de Jaruzelski estas ne nur morale fia entrepreno, sed ankaŭ danĝero por la interesoj de la tuta Movado. Dum UK en Aŭgsburgo la Prezidanto de UEA esprimiĝis, ke estus ofendo por poloj ne akcepti ilian inviton por 1987. Poloj deziras kongresojn, sed ne sub iuj ajn kondiĉoj kaj ne en iuj ajn cirkonstancoj. Nun ja ne nur la UK okazos/ontus en la perfortita popolo, sen bazaj fundamentaj liberecoj, sed ankaŭ sub la regado de la **komisaroj,** kiuj atingos por la sovetiismo pli da profito el la kongresoj de UEA, SAT, TEJO ol la esperantistaro mem. Okazigi kongresojn en totalisma ŝtato jam per si mem estas skandalo, sed plie, okazigi ĝin sub **komisaraj** ordonoj kiuj havas nenion komunan kun Esperanto, atestos pri la bankroteco de la gvidaj centroj de la Esperanto-movado. **W. Z.**

**OKAZOS INTERNACIAJ FERIOJ** kulturaj kaj sportaj en **LA CHAUX-DE-FONDS** (CH) de 6JAN86 ĝis 11JAN86, de 13JAN86 ĝis 18JAN86, de 27JAN86 ĝis 1FEB86, de 3FEB86 ĝis 8FEB86, kaj poste po ĉ. tri fojojn monate. La tuta aranĝo kostas, al unuopulo inter 230 kaj 180 ekuojn, sekve la postulitan komforton. Petu informojn ĉe KCE, Postiers 27, Poŝtfako 771, telefono 039 26 74 07, CH-La Chaux-de-Fonds.

**LA 12-A INTERNACIA KONFERENCO DE NEM, KAJ LA 2-A INTERNACIA FORUMO DE MFKA OKAZOS EN ATENO (GR) de 26JUL86 ĝis 2AUG86.** La ĉeftemo de la Internacia Konferenco estas la tria parto de la mesaĝo de la neŭtrala (Zamenhofa) Esperanto-Movado al la mondo, okaze de la Jubilea Jaro 1987-a : "Paco kaj Libereco". Serio da prelegoj sekvotaj de pridiskutadoj pritaksos la ĉeftemon subaspekte de ĝiaj homaranismaj, filozofiaj, juraj, geopolitikaj, religiaj kc problemaroj. La turismo ne estas kutime la ĉefa celo de la ICNEM-konferencoj, sed ĉi foje, kiam ĝi okazas en la lulilo de nia civilizo, oni ne devas ignori ĉi tiun plezuron. Des pli, ke la kotizoj ne estas, laŭkompare, tro altaj. Konferencano unuopa, en dulita ĉambro, pagas (ĝis 31DEC85!) 5950 GRs, t.e. 45.74 ekuojn, por travivi neforgeseblan semajnon en Ateno. La manĝo ne estas enkalkulita, sed oni povas manĝi tre malmultekoste en Ateno. Oni devas kompreneble aldoni la elspezojn de postkongresaj kaj dumkongresaj aranĝoj, se oni volas partopreni en ili. Ĉiujn informojn vi ricevos, se vi bonvolas skribi al LA GAZETO (MFKA), al HORIZONTO (ICNEM) aŭ rekte al la sperta organizanto (jam okazis sukcesa IK en Ateno!), **S-ino Adda SAKELLAROPOULOU, Aghias Paraskevis 30, Athina 816, Grekio.**



*Adda Sakellaropoulou (GR) kun Prof. Marinov (BG)*

**"La Esperantisto".** "Gazeto por la amikoj de la lingvo Esperanto. Sub la kunlaborado de Dr. Esperanto. (d.i. D-ro L.L. Zamenhof) eld. de Chr. Schmidt, prez. de la klubo mondlingva en Nürnberg. Nürnberg 1889-95. 1.-6. Jgg."
La Esperanto-movado sin pretigas por celebri sian centjaran ekziston (1887-1987). Esperanto estas la sola planlingvo, kiu praktike elproviĝis dum tiel longa epoko kaj kiu montriĝis rezisto-kapabla.
La represo de la unua Esperanto-revuo **La Esperantisto** (Nürnberg 1889-1895) donas impreson pri la komenco de tiu hodiaŭ mondvasta movado. Ekzistanta en nur malmultaj bibliotekoj, la revuo havas jam legendan karakteron eĉ por esperantologoj. Subskripcia prezo : 67.09 ekuoj. (Poste : 80.69 ekuoj!), t.e. 148 Ds ĉe Sarlanda Esperanto-Ligo, Schulstr. 30, D-6601 Scheidt, pĉk. Saarbrücken 5358-663.

**LA JUBILEA INTERNACIA KONFERENCO** probable okazos dum la semajno antaŭa al la UK de UEA, almenaŭ **oni** negocadas pri tio. Se ĉi ĉio veras, oni donos al Jaruzelski tion, kio apartenas al Jaruzelski, kaj al la Homa Digno tion, kio apartenas al la Homa Digno. Ni nur esperu, ke ambaŭ kontentiĝos pri sia parto (aŭ partio)!

## K I U K I A M ?

INTERLINGVISTIKA MEMOR-KALENDARO

Lige kun la redaktaj laboroj de **Enciklopedio de Esperanto** nun pretiĝas, por eldono en 1987, interlingvistika memor-kalendaro. Ĝi enhavas du partojn:

1) **alfabete laŭnoman**, kun la jaro de naskiĝo kaj morto,
2) **kronologian** kun precizaj indikoj pri datoj de naskiĝo kaj morto kaj la respektivaj lokoj kun aldono de la hodiaŭa ŝtato.

Jen tri tipaj ekzemploj:

1) GRABOWSKI, Antoni (1857-1921)

2) *1885-03-13 Paul BENNEMANN, Leipzig (DDR)
1905-08-09 Akcepto de la Deklaracio pri Esperantismo, Boulogne-sur-Mer (F)
+ 1935-01-08 Louis de BEAUFRONT (t.e. Louis CHEVREUX), Thezy-Glimont (F)

La verko entenos ne nur datojn de la Esperanto-movado, sed de la plan-lingva movado ĝenerale. Por igi ĝin maksimume kompleta kaj preciza, ni petas la **helpon de ĉiuj esperantistoj** per alsendo de indikoj laŭ la supraj modeloj.

Viajn indikojn direktu al la eldonisto:

Artur Iltis
Schulstr. 30
D-6601 SCHEIDT

**D-4980 BÜNDE.** Aperis E-igo de la urba prospekto. Nome de la Germana E-Instituto, elgermanigis ĝin S-ro Kurt Niederbröker. Se vi volas helpi la lokan grupon, skribu al "Herrn Bürgermeister Herbert Voss, Postfach 27 49, D-4980 Bünde, FR Germanio. Bonvolu informiĝi ĉu ekzistas en Bünde "Esperanto-strato", tio povus plirapidigi ĝian ekekziston.

**FRANK BUCKLEY** ekigas novan prelegserion kaj la grupoj, kiuj ankoraŭ ne vidis liajn famajn advokatajn perukojn kaj talaron britajn povas inviti lin kaj ĉeesti lian prelegon, "50 jaroj de Esperanto", kiun subtenadas bela lumbildserio. Lia adreso: 620 Filton Avenue, Bristol, BS 12 7 LD, GB.



# REVUOJ



**EL POPOLA ĈINIO** ĵus solene festis sian 35-aĝon. La revuo el lingvo-stila, ĵurnalista kaj editora vidpunktoj estas senriproĉa, eĉ modela. Ĉiuj rimarkis, ke la kurantaj politikaj eventoj influas la enhavon de la revuo dum historio. Post Prezidanto Mao evidente la revuo el la E-o-movada vidpunkto konsiderinde pliboniĝis, kvankam klare ĝi ne estas en la klasika difino la movada revuo, kvankam oficiale eldonata fare de Ĉina Esperanto-Ligo. Ni aldonu, ke EL POPOLA ĈINIO povas festi alian rekordon. Jen ĝi estas revuo kiu en la historio de la tuta movado plenumis siajn paĝojn per la plej granda nombro da eldonunuoj. Gratulojn!

**LA ESPERO** EL KOREUJO, ĝenerale estas belpresita, interesa revuo. En la n-ro: 4(67) ni trovas, ke la problemo normigi la transskribon el la korea en Esperanton plu frontas problemojn en la revuo. La definitivan solvon transskribi la korean la redakcio de LA ESPERO atendas de la Korea Lingva Komitato. Ni ankaŭ.

**ESPERO KATOLIKA**, n-ro: 10/85 publikigas kuraĝan artikolon de J.C. pri la religio en Ĉeĥoslovakio: "... la ideologio de la ŝtato estas 'scienca mondkoncepto', tial la edukado estas sur bazo de tiu 'scienca mondkoncepto'". Valoras demandi la ĉeĥoslovakajn aŭtoritatojn laŭ kiu saĝeco ili scias kio estas scienca aŭ ne en ideologio, precipe en la ideologio de la praga printempo '68?

**INFORMATOR WEWNETRZNY**, dumonata, en la pola kaj Esperanto, n-ro: 5/85. En ĝi R. Dolinski, prezidanto de la komisiono pri kulturo de PEA interese difinas la Esperanto-kulturon: "Per la Esperanto-kulturo mi komprenas ĉiujn atingaĵojn de la esperantistoj en literaturo, arto, scienco kaj moraleco, kiu ne estus eblaj sen la ekzisto de Esperanto". En la n-ro: 4/85 abunda informo pri la konfliktoj en PEA, kiuj – kiel ni ĵus eksciis – finiĝis per puĉo en, ĝis nun, la plej vigla Landa Asocio de UEA. Komentario pri la puĉo aliloke de LA GAZETO.

**MONATO**, n-roj: 9/85 kaj 10/85. En ambaŭ pri la Festivalo de la Junularo en Moskvo. Unue (9/85) aperas speciala raporto por MONATO de R. Schnell kie li pruvas, sen iu ajn dubo la pacan rolon de Sovetio en la nuntempa mondo. Poste (10/85) en la letero al la redakcio Lafera rebatas tian vidpunkton. Lafera memorigas, ke neniam la mondo dividiĝis politike je blanka kaj nigra koloroj. Organizi en Moskvo la festivalon de la juneco estas facile: pagas kontraŭ tio popoloj de USSR kaj ties satelitoj. Unuaj sidas en prizonoj, suferas pro sia batalo pri la pli justa mondo, aliaj sur la fundamentoj de la malfeliĉo konkludas, ke Moskvo garantias la pacon? Kaj denove ripetiĝanta truo en la cerbumado: kaj la libereco, ĉu ĝin jam manĝis hundoj?







**DIALOGO** sendube estas la plej interesa kritika literatura revuo de Esperanto. La plej nova n-ro 2/46 memorigas pri la Festolibro de Akademio de Esperanto omaĝe al prof. Gaston Waringhien. Kvankam Piĉ-dialekto abundas en DIALOGO, ĝi ne ĝenas. Ankaŭ la merita zamenhofologo **itô kanzi** ne rezignas pri sia minuskla kaprico skribe esprimiĝi. Sed tio nur atestas pri la kuraĝaj provoj de la toleremo kadre de la intelekta stabo de la aŭtoroj kaj kritikistoj kunlaborantaj kun la revuo.
**HORIZONTO**, n-roj: 59 kaj 60 prezentas varian materialon, kiu bildigas sukcesan 11-an IK de NEM en Metz. En la n-ro 60 HORIZONTO represas artikolon de D. Blanke pri I. Lapenna. Eĉ Blanke – ŝajne la plej senriproĉa inter komunistoj – ne sukcesas sin purigi de la posthamburga propaganda balasto kaj skribas pri Lapenna, ke : "li ne reelektiĝis prezidanto...". Lapenna ja ne kandidatiĝis al tiu posteno. Oni povas komentarii tion laŭplaĉe kaj laŭBlankeme, sed miksi (konscie aŭ ne) faktojn kun interpretojn atestas pri malhonesteco. Bedaŭrinde.

**W. Z.**

---




## EL MIA FIDPUNKTO...

Post mia artikoleto pri Raymond Schwartz, sur mian kapon mi ricevis lavangon da protestoj tre gravaj kaj tre pravaj: mi do humile, pie kaj pente konfesu, ke Raymond Schwartz neniel estis ateisto, sed sincera katoliko, bonfida kaj ... bonrida; kaj atenta legado de liaj verkoj pruvas, ke li estis sendube unu el la plej indulgaj homoj: lia ridigo neniam estas aĉa, imagajn personojn li mokas, apenaŭ tuŝante la realajn, kio estas ja merita, ĉar tion li facile povus.

Mi min demandas tamen kion li dirus nuntempe, kiam prezidento Mitterrand kaj aliaj eminentuloj socialismaj rifuzas fari ion ajn por Esperanto, kvankam antaŭ dek jaroj ili proponis leĝon por ĝia enkonduko en la lernejojn; kiam la ministretino Catherine Lalumière - pri kiu neniu povus diri ekzakte, je kio ŝi supoze utilas en la franca estraro - diras stultaĵojn koncerne Esperanton, pri kiu ŝi konas nenion; ĉu ni silentu nome de la neŭtralismo aŭ de la kristana karitato, kun la risko kredigi al la neinformita publiko, ke ni havas nenion por respondi? Ĉu ni reagu bas-tone aŭ bastone?

Neanstataŭebla Raymond Schwartz! Kiomfoje mi rigardas vian foton, penante lerni el ĝi iom de via rideta saĝo; sed tio ne mildigas, ho vo! mian bedaŭron, ke mi vin neniam renkontis. Tamen en 1960, loĝante en Parizo, mi legis lernolibreton de Esperanto, interesetiĝis... poste ne daŭrigis. Kial mi atendis dek sep jarojn? Kiam mi finfine esperantiĝis, jam antaŭe mortis vi, Raymond Schwartz, kiu pli bone ol iu ajn povus gvidi min en miaj provoj. Senkulpigu min, kara leganto, se mi iras kun paŝo malfirma sur la beletra vojo: malĝojigas malhelpas komenci sian Esperantan vivon kaj ekkonscii, ke oni estas orfo.

Bernard Aunis

**Jean de LA FONTAINE**

### LA VIRINOJ KAJ LA SEKRETO

Nenio tiel pezas, kiel sekreto;
Ĝin porti foren estas malfacila al la sinjorinoj
Kaj mi konas eĉ pri tiu afero
Multajn virojn, kiuj estas virinoj.
Por elprovi la edzinon, iu edzo ekkriis,
Dumnokte apud ŝi : "Ho dioj! Kio okazas?
Mi ne eltenas; oni disŝiras min;
Kio? mi akuŝas je ovo! - Je ovo? - Jes, jen ĝi,
Freŝa kaj novdemetita. Gardu vin diri tion :
Oni nomus min kokino. Nu, ne parolu pri tio."
La edzino, sensperta pri tiu kazo
Same kiel pri multaj aliaj aferoj,
Kredis tion, kaj promesis, je la dioj, silenti.
Sed tiu ĵuro svenis
Kun la noktaj ombroj.
La edzino nediskreta kaj nesprita
Ellitiĝis dum apenaŭ tagiĝis;
Kaj tuj ŝi kuris al la najbarino.
"Baptanino, ŝi diris, iu afero okazis.
Nepre nenion diru, ĉar vi batigus min.
Mia edzo ĵus demetis ovon dikan kiel kvar!
Pro Dio, bone gardu vin
Diskonigi tiun misteron!
Ĉu vi mokas min? diris la alia. Ha! vi ja ne scias,
Kia mi estas. Nu, timu nenion."
La edzino de la ovdemetanto hejmeniras.
La alia jam brulas je senpacienco por rakonti la novaĵon :
Ŝi iras disvastigi ĝin al pli ol dek lokoj.
Anstataŭ unu ovo ŝi diras tri.
Sed tio ankoraŭ ne finiĝis, ĉar al alia kunulino
Ŝi diras kvar, kaj rakontas alorele la fakton;
Nenecesa singardo,
Ĉar la ovonombro, dank'al la famo,
De buŝo al buŝo kreskadis,
Antaŭ la fino de la tago
Jam pli ol cent oni nombris.

*(proze elfranciigis : Daniel Luez)*



# EKOLOGIO KAJ LA ESPERANTA KOMUNUMO

## 1. EKOLOGIO

(devenpunktoj, enhavoj, mesaĝo, ekzemploj)

### 1.1. La mediokrizo

Estas kunligendaj la natur- kaj soci-sciencoj, ĉar estas venkenda la mediokrizo kaj ĉar estas pridemandenda la rolo de homo kaj ĝiaj sociaj, ekonomiaj kaj politikaj sistemoj kiel parto de la "oikos", de la vivo-mastrumo tergloba.

La mediokrizo estas principe konata, karakterizaj detaloj kaj simptomaj rekoniloj estas la jenaj:
Kalkulendas mondloĝantaro de minimume 6,5 miliardoj je la jaro 2000. El tiu estos pli ol dutriono malpli ol 24-jara. Laŭ tio la plua kresko de loĝantaro estas antaŭprogramita, eĉ se ĉiuj paroj kontentiĝos je unu infano.

Spite al malpliiĝantaj grundo-areoj la unuopaj nunaj ter-enloĝantoj dum sia vivo postulos pli da resursoj ol ĉiuj el siaj antaŭuloj en la jarmiloj antaŭe. Aliaj kalkuloj diras, ke nia postulo pri energio dum la lastaj 25 jaroj de ĉi tiu jarcento egalas al la tuta energi-konsumo de la homara historio. Ĉar la enloĝantoj de la industri-landoj (ĉ. kvarono de la mond-loĝantaro) konsumas ĉ. 90%-jn de ĉiuj krud-materialoj kaj energio, oni povas nomi la industri-regionojn la plej multe "troloĝataj" regionoj de la Tero.

Eksponentaj procesoj, daŭrigataj dum certa tempo-spaco, nepre eskaladas en pereon. Eksponenta ekonomia "kresko", kiel ĝi estas praktikata, laŭ la plej multaj ideologioj de la 1-a, 2-a kaj 3-a Mondoj, signifas ĉe kontinua ĉiujara kresko-kvoto de 3%, ke la brutta nacia produkto post 150 jaroj estas 100-oble pli granda kaj post pliaj 150 jaroj 10.000-oble pli granda. En la Federacia Respubliko Germanio la averaĝa ĉiujara kresko-kvoto ekde 1950 ĝis 1979 estis eĉ 5,2%!

"Ekonomia kresko" signifas ankaŭ konsumon de tereno pere de surkonstruado. Ĉi tiu sumiĝis en FRG dum la lasta jardeko je 160 hektaroj ĉiutage (1 hektaro = 10.000 m² = ĉ. areo de piedpilkejo). La malpli grandiĝo de ĝardengrundoj kaj marĉ-tereno atingis 17 hektarojn ĉiutage. Sole la areoj por konstruaĵoj kaj trafiko pligrandiĝis ĉiutage je 99 hektaroj. La etendiĝo de la urboj kaj komunumoj ekde la fino de la mondmilito ĝis hodiaŭ averaĝe duobliĝis. Ĉe sur konstanta areo ĉiam pligrandiĝanta brutta produkto ankaŭ la respektivaj ŝarĝoj ĉiu-are-unue pligrandiĝas. Krom tio la transformo de agrar-grundo en aliajn formojn de utiligo estas definitiva perdo por la produktivo.

Se la nuntempa tendenco de malboniĝo kaj malmultiĝo de la grundo daŭros, preskaŭ triono de la kultivebla grundo de la mondo estos detruita dum la venontaj 20 jaroj.




21,6 hektaroj da tropikaj arbaroj estas forhakataj ĉiuminute; do, konstateblas ĉiujara malpliiĝo de la tropikaj arbaroj je areo trioble tiom granda kiom Svislando. Je la fino de la jarcento la restanta areo

**ĉi tiujn 4 paĝojn povos postuli ĉiuj grupoj de MFKA, se ili havas pli ol 50 membroj, kiuj abonas "LA GAZETO"-n, por bele eldoni siajn bultenojn, informilojn, aŭ fakajn revuojn. Pripensu : 24 paĝoj ĉiujare !**

estos duonigita, se la nuntempa senarbiga kvoto daŭradas. Aldoniĝas la nova katastrofa mortado de la arbaroj en la mezvarmaj zonoj.

La malpliigo de la arbaraj terenoj kaj la daŭre pliiĝanta bruligado de fosiliaj kaj aliaj brulaĵoj kontinuas al kontinua pliiĝo de la karbon-di-oksid-enhavo en la atmosfero. Tio kaŭzas altiĝon de absorbado de la log-onda retro-radiado kaj per tio altiĝon de la surfaca temperaturo ("efekto de vitra domo"), almenaŭ en la tropikaj regionoj kaj malvarmiĝo en la polusaj regionoj (disproporcia vitrodom-efekto laŭ Hamaker). La kontinuaj arido-katastrofoj en kelkaj regionoj de la mondo estas klarigeblaj per tio. La definitiva neta efekto povus esti meza tergloba temperaturaltiĝo de ĉ. 0,5°C en la jaro 2000, ĉi tio signifus altiĝon de la mondmara nivelo pere de polusa senglaciiĝo.

1975. estis kartigitaj en FRG ĉ. 50.000 biotopoj (planto- kaj besto-vivejoj) kiel protektindaj.
En somero 1983. la duono el ili estis detruitaj aŭ tiel ŝanĝitaj, ke vivantaj specioj ne plu trovas viv-eblojn en ili.

Ĝis la jaro 2000-a, 15% ĝis 20% de ĉiuj besto-, planto- kaj mikrobo-specioj estos, laŭ ekspertoj, ekstermitaj pere de homaj intervenoj, t.e. ĝis 2 milionoj da specioj. De la superaj organismo-specioj ĝis la jaro 2000. ĉiu dua aŭ tria fariĝos viktimo de la biologia masakro.
La forpereo-kvoto ante sumiĝas je ĉ. 90 ĝis 100 besto- kaj planto-specioj ĉiujare, t.e. dum ĉi tiu kongreso de daŭro de sep tagoj du ĝis tri besto- kaj planto-specioj definitive forpereas, ilia genetika potenco porĉiame malaperas!

Dum la lastaj jaroj de ĉi tiu jarcento la homaro forkonsumos energi-kvanton, kiu egalas al la tuta energi-konsumo de la ĝisnuna historio de la homo.

Kalkulendas, ke ŝanĝiĝo de energi-enmeto en la sistemon "Terglobo-atmosfero" je 1% sekvigas temperatur-ŝanĝiĝon je 1 ĝis 1,5° C.

Ĉiu civitano de FRG foruzas ĉiujare laŭstatistike la energi-enhavon de ĉ. 6.800 kg da ŝtonkarbo aŭ, transkalkulite, la laŭkalorian nutraĵo-bezonon de ĉ. 50 plenkreskuloj. Se ni vivus en la antikva Romo sen maŝinoj, la 60 milionoj da anoj de FRG devus laborigi sklavaron de 3 miliardoj da sklavoj por vivi tiel pompaj.

En la Eŭropa Komunumo la konsumo de energio reduktiĝis en 1982. eĉ je 4,1%. Tio signifas, ke estas pruvita la ebleco malkupli energi-konsumon kaj pliiĝon de la reala nacia produkto.

Por la jaro 1985 validas: 20 ĝis 80% de la ĝis nun



*"Ĉiun energi-unuon en bova viando oni devas aĉeti per proksimume 10 greno-energi-unuoj"*

kiel necesa opiniata energi-konsumo estas anstataŭigebla per energiŝparteknikoj sen tio, ke oni devus akcepti vole-ne-vole kvalito-perdojn - 75% el tiu en la sfero de hejma mastrumado kaj malgrandaj entreprenoj, 25% en la industrio kaj 10% en la trafiko.

Koncerne la tempon post 1970., validas por la Federacia Respubliko Germanio:
La ŝarĝado per sulfur-di-oksido sumiĝas ĉiujare neŝanĝe je 3,5 milionoj da tunoj. La nitroksidoj kreskis ĝis 3,1 milionoj da tunoj ĉiujare. La pereo de la arbaroj pliintensiĝas daŭre. La tuta ŝarĝo per bruoj restis senŝanĝe, la trafikbruo eĉ kreskis.

La nitrat-ŝarĝado kaj la priŝarĝado de la grund- kaj trink-akvoj kaŭze de sterkado grave plialtiĝis, kelkaj putoj devis esti fermitaj.
La grundo acidiĝas, la enhavoj de kadmio kaj plumbo kreskas.

Ĉiun energi-unuon en bova viando oni devas aĉeti per proksimume 10 greno-energi-unuoj, ĉe kok-viando ĉi tiu proporcio inter investo kaj utilo estas eĉ nur 12 per unu.

La forpereo de 58% de ĉiuj endanĝeritaj foliko- kaj flor-plantoj estas kaŭzita de la agrikulturo, t.e. ĉefe pro novordigo de parceloj, troa sterkado, kemiaj toksoj, transformo de specio-riĉaj herbejoj kaj paŝtejoj en pli specio-malriĉan kultivan terenon. Inter 1950. kaj 1980. malaperis ĉ. 90% de la malgrand-akvejoj.

La stokado, forvendo je malaltegaj prezoj kaj neniigo de la plusoj postulas jam 96%-jn de la agro-budĝeto de la Eŭropa-Komunumo.

Sen la efektivigitaj labortempaj reduktoj la senlaboreco en la jaroj 1974. ĝis 1979. estus estinta pli alta je 1,4%. Ĉi tiuj reduktoj povintus esti ankoraŭ pli altaj. Se ekde 1960. la tuta gajno de produktivo de la ekonomio en FRG (=preskaŭ 250%) estus uzita cele de labor-redukto, se do la realaj porkapaj enspezoj estus estintaj samaj, ĉiu perlaborulo ĉe plendungiteco nur devus labori duonan jaron. Ĉi tio estus estinta avantaĝa al la natur-konservado, al la zorgemo pri la resursoj kaj energi-fontoj, al la libertempo kaj al homa kunvivado.

*(daŭrigota)*

***Wolfgang Gunther***



### HOMARANISMO REVIGLIĜAS

En julio 1985. fondiĝis la Homarana Asocio (HA), kiu volas studi, instrui kaj disvastigi la homaranismon. Homaranismo estas aŭtentike esperantisma humanismo. Zamenhof karakterizis ĝin jene: "Lingvo internacia havas la celon, krei inter la gentoj neŭtralan ponton en rilato **lingva**, la homaranismo volas krei tian saman ponton en **ĉiuj** rilatoj. La homaranismo estas nur plifortigita esperantismo, kaj ĉiuj tion ĉi sentas, kvankam ne ĉiuj volas tion ĉi laŭte diri."

Zamenhof siatempe ne sukcesis ĝenerale akceptigi la homaranismon: nek forme, nek enhave ĝi sufiĉe konformis al la intelekta gusto de liaj samtempuloj. Modernaj sociaj tendencoj kaj sciencaj ekkonoj favoras revizon de la siatempa malakcepto. Ŝajnas esti sukcespromesa, reformuli la homaranismon konforme al la postuloj de la nuntempo.

HA volas do science trakti la homaranismon kiel "**teknologion pri la konstruado de intelektaj kaj emociaj pontoj**". Ĉiuj sciencoj pri la psiko kaj la konduto de la homo estas ĝiaj helpsciencoj.

Krome HA volas esti hejmo interalie de tiuj homoj, kiuj interesiĝas pri la religiaj tendencoj de la homaranismo kaj/aŭ pri la homaranismaj tendencoj de la religioj. Tamen tiu interesiĝo tute ne estas deviga por la membroj de HA.

HA deziras kunlabori kun ĉiaj esperantistaj kaj humanismaj organizaĵoj, kompreneble ankaŭ kun UEA. Ĝi agnoskas, ke UEA deziras resti esperantista (en la malplivasta senco de la vorto), ke ĝi ne povas fariĝi homaranisma: Ĝuste en tio kuŝas la ekzistorajto de aparta homaranisma organizaĵo.

Laŭ enketo ĵus farita de Info-Servo, minimume 30 procentoj de la esperantistoj interesiĝas pri homaranismo. Ili povas peti detalajn informojn de Homarana Asocio (adreso: Bismarckstr. 28, D-3550 Marburg, F.R.Germanio).

## KRUCVORTENIGMO



**H o r i z o n t a l e :**
1 - Tergloba - Objekto
2 - Nemortonta Homeraĵo - Klarigprovo
3 - Unuiĝita kun Pollando en 1569. - Alnomo de Apolono
4 - Monogramo de la aŭtoro de "La tragedio de l'Homo" - Kurba osto
5 - Monogramo de poeto, tradukinto de operoj el la ĉeĥa - Heleno - Mondorganizaĵo
6 - Samsignifa vort' - Sovetia rivereg'
7 - Ekuo - Italio - logike VVVF - Luksemburgio
8 - Rumanio - Titano - Membreci
9 - Martirigita en 1937.
0 - Sentovorto

**V e r t i k a l e :**
1 - Junula devo
2 - Helena sportkonkurso - Membr'
3 - Landligil' - Manĝo
4 - Juda venkinto - Tagon
5 - Sufikso – lu, iuj – Salatomo
6 - Doni al Dio - Paperaĵo
7 - Aŭstrio - Hispanio - Frenez–simptomo
8 - Libro de Nemere - Surradaĵo inversa
9 - Monogramo de germano, kiu fondis en 1907 E-o grupon en Jerusalemo - Gravedeblulo - Karbo - Hispanio
10 - Reĝimo kie la povo ne estas hereda

(Ĉiuj necesaj konoj por solvi ĉi tiun krucvortenigmon troveblas en du bazaj verkoj, mendeblaj ĉe ESPERANTO–MFKA–METZ; en la "Plena Ilustrita Vortaro", kiu kostas 49 EKU (329Fs), kaj en "Esperanto en Perspektivo", 39 EKU (263Fs). La unua solvinto ricevos premiolibron. Bonvolu sendi vian solvon al LA GAZETO.)

## MAGIA KVADRATO " 65 "

Ĉu vi kapablas "magiecigi" ĉi tiun kvadraton plenigante la malplenajn fakojn per la nombroj entjeraj pozitivaj inter 6 kaj 25 ? La sumo de la linioj, kolumnoj, diagonaloj estu

**65 !**



| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 3 | | | | |
| | | | | 2 |
| | | | 1 | |
| | | 5 | | |
| | 4 | | | |



# PREZOJ KAJ KURZOJ



**1 EKUO valoris je 18NOV85**

| | | |
|---|---|---|
| 15.532 As | 130.082 GRs | 137.861 Ps |
| 44.559 Bs | 40.869 Hs | 126.945 PLs |
| 0.846 BGs | 1489.371 Is | 6.645 Ss |
| 1.166 CDNs | 1245.441 ILs | 4.735 SFs |
| 1.809 CHs | 35.309 ISs | 0.665 SUs |
| 2.206 Ds | 172.755 Js | 336.113 TGs |
| 7.980 DKs | 44.559 Ls | 0.672 TNs |
| 4.113 DZs | 8.328 MAs | 473.991 TRs |
| 135.874 Es | 6.645 Ns | 0.846 USAs |
| 6.722 Fs | 2.485 NLs | 250.643 YUs |
| 0.595 GBs | | |

LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (EKU) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LA GAZETO nomas ilin "spesoj", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, "26 Ds" signifas : "26 germanaj markoj el Federacia Germanio", kaj "26 DDRs", "26 germanaj markoj el Popoldemokracia Germanio". Vi trovos la kurzojn de la spezoj de ĉiuj landoj, kie oni legadas LA GAZETO-n. Ni esperas utili al la esperantistaro publikante la prezojn de la plej kutimaj varoj, kiujn oni eventuale bezonas en diversaj landoj de Eŭropo, kie oni povas turismi. Estas ankaŭ statistikaj donitaĵoj (kun ĉiuj danĝeroj de la statistiko!), kiujn oni devas tamen koni por utile diskutadi. Unu el tiuj statistikoj, la parto de ĉiu loĝanto el la jara nacia tutproduktaĵo, parto teoria, kiun oni kalkuladas dividante la nacian tutproduktaĵon per la nombro de la loĝantoj, estas aparte interesa, almenaŭ pro la duboj kaj diskutoj, kiujn ĝi instigas.



**Poloĝanta tutproduktaĵo (PTP) en 1982**

| Landnomo (LANDO) | PTP | Landnomo (LANDO) | PTP |
|---|---|---|---|
| Togo (TG) | 402 | Britio (GB) | 11425 |
| Maroko (MA) | 1029 | Aŭstrio (A) | 11685 |
| Turkio (TR) | 1620 | Japanio (J) | 11922 |
| Tunizio (TN) | 1644 | Belgio (B) | 12726 |
| Hungario (H) | 2686 | Finlando (SF) | 12856 |
| Alĝerio (DZ) | 2779 | Nederlando (NL) | 12927 |
| Portugalio (P) | 2898 | Kanado (CDN) | 13388 |
| Jugoslavio (YU) | 3312 | Francio (F) | 13814 |
| Pollando (PL) | 4952 | Islando (IS) | 14370 |
| Grekio (GR) | 5074 | FRGermanio (D) | 14737 |
| Bulgario (BG) | 5219 | Danlando (DK) | 14748 |
| Hispanio (E) | 6422 | Usono (USA) | 15565 |
| Izraelo (IL) | 6872 | Svedio (S) | 16605 |
| Sovetio (SU) | 7025 | Norvegio (N) | 16889 |
| Italio (I) | 8090 | Luksemburgio (L) | 16960 |
| Germanio (DDR) | 8617 | Svisio (CH) | 20118 |










# LA SUFEROJ DE LA JUNA WERTHER

## DE GOETHE



WERTHER, eld. Hetzel (1845)

Ĉi matene mi finis la ellegadon de "La Suferoj de la Juna Werther" en la bela traduko de R. Haupenthal. La Iltisa dialekto apenaŭ ĝenis kaj mi travibradis ĉi tiun historion "Sturm-und-Drang"-an denove. Ĝi estas kvazaŭ mito: neverŝajna kaj profunda, kiel "Tristano kaj Izolda" aŭ "La reĝo Edipo". Bedaŭrinde mi ne sufiĉe komprenas la germanan por legi tekston de Goethe, do mi nur povas diri, ke el tri diverslingvaj tradukoj, kiujn mi nun konas de ĉi tiu verko, la Esperanta de Haupenthal donis al mi la plej grandan plezuron. Tamen, kiam mi estis 16-jara junulo, mi preskaŭ parkere konis la leterojn de la kompatinda Werther, kiujn mi ĉiam emis kompari al la monologoj de Hamlet, kiujn mi estis tiam parkeriganta, ĉar mi roladis en la teatraĵo de Shakespeare. La sama troŝveligo de la egoo, la sama pripesado sentima de la sinmortigo, la sama malestimo de la "kanajlo", la sama hororo de la korteganoj-funkciuloj, la sama amo de la naturo. Sed ĉe Hamlet la sentoj estas metafizikaj kaj nur la etanima prijuĝado de Polonius supozas, ke la sindetrua frenezo de Hamlet estas kaŭzita de amoramo al Ophelia. La reĝo Claudius ne dubas:

*El amo? Ne, ne amo ĉion faris;*
*Kaj liaj vortoj kvankam konfuzitaj,*
*En vero tamen ne frenezon montras,*

grumblas li, responde al Polonius.

La psiĥa sindetruado de Werther estas ja kaŭzita, almenaŭ laŭ lia propra supozo, fare de pura, do senseksala, amo. Fakte, multe pli, fare de batalo inter konscia amo kaj nekonscia amoro, kiu donas al li teruran kulposenton, kiam la sensa monstro elmontras sin. Ĉi kulposento igas "mavan humoron" malvirto, la nekonscian amordeziron krimo, inda je mortopuno per "kuglo tra la kapo", jam en letero inter la unuaj. La anoncita kuglo alvenos 17 monatojn poste : "super la dekstra okulo li pafis tra la kapo, elfluis la cerbo". Mi ne opinias, ke mi forigis la suspenson, tion rakontinte. Ĝi ne ekzistas. La verkaĵo estas tro fama. Kiel en opero, ni scias antaŭ la eklegado, ke fine la heroo mortos, kaj tamen, kiam li mortas ni kaŝmove forviŝas larmeron. Oni eĉ ne komprenas kial oni ploretas, ĉio ja estas tiom ĉiutagece neverŝajna, etburĝe fantasmagoria. En la vivo neniu aserto ekzistas sen kvankamo kaj Werther "ŝatas homojn sen kvankamoj", tio estas neniun, aŭ nur kelkajn frenezulojn, ĉar "homo ŝirata de siaj pasioj perdas ĉiun konscion". La verajn, elkarnajn, elostajn homojn li malestime preterrigardas, ĉar ili "filistre dankas Dion", ke li ne kreis ilin kun "Pasio! Ebrio! Frenezo!". Ili krimas, ĉar ili vivadas sen la konstanta spronado de la morto. Ilia motoro, ilia esenco estas (almenaŭ ili dezirus, ke estu) la banala racio, kaj ili samopinias kun ĉi tiu Homero, kiun Werther tamen tiom amas, ke kiam la dioj volas perdigi homon, ili frenezigas lin. La homo racia estas monstro aŭ maŝino. "Kiam sian propozicion oni ne gurdas laŭ la kutima melodio, li komprenas nenion". Cetere nenio estas komprenenda. La Werther-a logiko estas la strukturo de la sentoj. El ili "en ĉi mondo nur la amo pravigas la homon". Pro tio eble ni ploretas, ni ankaŭ amus la amon. Ĉar la amon Werther amas, ne la virinon. Lotte estas la ekrano de liaj pasioj. Ne por konkeri Lotte-n, ne kontraŭ la socio konservativa baraktadas Werther, sed por voli kion li ne volas, por ne voli kion li volas. Kaj li senĉese glitadas al la penso de la nenieco, kiu, laŭ la fama vorto de Sartre, estas nenieco de la penso. Se mi pensas, mi devas pensi ion, sed mia morto, por mi, ne penseblas, ĉar por ĝin pensi, mi devus pensi nenion. "Lotte, mi ne komprenas la vorton : lasta!" - skribas Werther en la lasta letero. Ni ploras, ĉar ni komprenas, ke li ne komprenas.

# NIA UNIVERSITATO



Kia bela libro! Eĉ fizike ĝi belas. Bele bindita, presita, preskaŭ sen preseraroj. Majstre enkondukita de Reinhard Haupenthal, membro de la Akademio, motoro de la Iltisa skolo. Eble iam mi diskutados pri la lingva doktrino de Iltis, hodiaŭ lasu min gustumi la mikson de plezuro kaj peno, kiun postlasas, almenaŭ tion diris Plotino, la trapaso de la belo.

J. E.

---



*Reinhard Haupenthal*

## REINHARD HAUPENTHAL

Laŭdacio por
Prof. Gaston Waringhien
okaze de la transdono de
la festlibro LI KAJ NI

Augsburg, 1985-08-09

Kara Profesoro Waringhien,

karaj kolegoj en la Akademio de Esperanto,

damoj kaj sinjoroj!

Laŭlonge de la jam tut-sekola historio de nia lingvo kaj Movado konstateblas kelkaj traŭmataj eventoj: la t.n. Ido-krizo de la jaro 1908, la morto de la Majstro en 1917, la dekreto de Martin Bormann en 1936 kaj la politika komploto de 1974, vulgare nomata "la hamburgaj eventoj".

Ĉiu-foje vidiĝis sekvoj kaj reagoj, ofte long-daŭraj: la intelekta suicido de Ivo Lapenna, unu el la arkitektoj de la moderna UEA, tiriĝas tra la pasinta dekenio; la katakomba ekzisto kaj rezisto de la "danĝera lingvo" kaj la esperiga sperto, ke ĝi spitas la atakojn elekstere. La Ido-krizo iel postvivas ĝis nun: la neologisma batalo kreis antagonismojn inter la ĉefaj protagonistoj de Literatura Mondo, Baghy kaj Kalocsay, kaj eĉ hodiaŭ oni parolas denunce pri la "okcidenta dialekto".

La morto de Zamenhof, en la ombro de la unua mond-milito, signifis la tranĉon de la umbilika ŝnuro kaj la definitivan adoltiĝon de la lingvo. Ĉi jaro 1917, ni hodiaŭ scias, havas eĉ karakteron simbolan: kiam Zamenhof forlasis la scenon, ĝin eniris Gaston Waringhien, kiun ni hodiaŭ omaĝas.

Kara Profesoro Waringhien!

Via biografo kaj longjara faktoto en la Akademio, nia amiko Roger Bernard, perfidis al ni la kaŭzon de via esperantistiĝo. En via festlibro LI KAJ NI li maldiskretas jene: "La vero trudas diri, ke tio okazis pli ĝuste dank'al la belaj okuloj de ties filino", t.e. de via varbinto, Lephay. Ĉu en ĉi konfeso ni trovas la unuan agordon por la temo "lingvo kaj virino", kiu manifestiĝas ne nur tra la sekretaj sonetoj de via verko-frato Kalocsay, sed kiun vi mem delikate duon-voĉis al ni? Kaj ĉu, laŭ sia maniero, ĉi temo ne revenas al ni ĉe unu el la aŭtoroj de la iltisa skolo, en la "Litomiŝla Tombejo" de Karolo Piĉ?

Kalman Kalocsay iam diris, ke la traduk-arto egalas la konkeron de bela virino. Vi, kara Profesoro, fidelis al via jun-aĝa amatino, la Lingvo, tra via tuta vivo kaj neniam ĉesis ŝin flati kaj ŝati, adori kaj honori, doti kaj dorloti, kaĵoli kaj konsoli. Jen, vi portas al nia lingvo flor-bukedojn hejmajn kaj ekzotikajn: vi ornamis nian lingvon per la poemoj de Baudlaire, sed ankaŭ per fremdlandaj floroj persaj - la robajoj de Umar Kajam - kaj germanaj: la kantoj kaj romancoj de Heine. Kaj vi prezentis la proprajn juvelojn maŭra-daŭrajn. Vi pensis krome eĉ pri la necesaj aferoj ĉiu-tagaj kaj disponigis serion da utilaj mastrumiloj: vortarojn, lerno-librojn kaj gramatikon. Kaj fine en la ĝenro, kiun vi iniciatis, kultivis kaj kondukis al maturo, la eseoj, vi deponis la sumon de via klero kaj erudicio.

Hodiaŭ, en la solena momento de la transdono de via fest-libro, mi retrovagigas la pensojn kaj memoras, ke via nomo akompanis min ekde miaj unuaj balbutoj en nia lingvo. Mi ne forgesis, kiam, antaŭ pli ol 20 jaroj, multo el via unua esearo ŝajnis al mi *terra incognita* kaj kiel tiam tamen min absorbis la tri renkontoj kun Georgo E. Maŭra, kiuj longe restis por mi de ia kabala signifo. Poste, la ŝak-luda pastiĉo de Baupierre vekis en mi la nerezisteblan deziron vidi la portreton de via panama *alter ego*.

Kaj tian randevuon aranĝis nia kar-memora Raymond Schwartz: aŭtune de 1967, en lia somera ermitejo en Secourt, mi povis konvinkiĝi pri via reala ekzisto. Tie ni kune kliniĝis super miaj manuskriptoj de la leteroj de Zamenhof, kaj nun, post tiom da jaroj, eniris la kolektojn de Itô kanzi. Vi rivelis al ni la veran Zamenhof, prezentis al ni la dramon de lia vivo kaj al via instigo ni dankas la majmonajn studojn pri la nekonata Zamenhof.

Tra la paso de la jaroj ampleksiĝis nia korespondado kaj kiam en 1979 vi demisiis kiel prezidanto de nia Akademio, mi tuj proponis al William Auld, ke niaj kolegoj kaj aliaj ekspertoj ekster la Akademio kontribuu al komuna fest-libro por via 80a aniverso: LI KAJ NI prezentu vin kaj vian verkon, respegulu la vastan gamon de via aktivado beletra kaj traduka, organiza kaj redakta, leksikologia kaj lingvistika.

Mi estas feliĉa, ke post tiel longa akuŝo, ĝi fine vidis la helon de la tago. Vi akceptu ĝin kiel tributon kaj dankan omaĝon de kolegoj kaj amikoj – el kiuj, ve, kelkaj jam forlasis nin por ĉiam – kiuj deziras al vi la daŭrigon en spirita viglo kaj fizika bon-farto de via *opus magnum*.

Mi pensas, ke nia kolegino Marjorie Boulton esprimas en sia uvertura poemo la pensojn de ni ĉiuj en la nuna momento. En la du finaj strofoj ŝi diras:

*La lasta vorto por vivanto. Kiel*
*oni registris zamenhofa jam,*
*postvivos en vortaroj postaj vi el*
*la tempofluoj, per unika am';*
*vortuzo varingjena, do, fidinda;*
*klereco varingjena – labirinta.*

*Aktiva kiel verbo dum la vivo,*
*tiom doninte, donos vi la nomon;*
*utilos vi en form' de adjektivo,*
*laŭde resumos verkon, scion, homon;*
*kaj, kiel zamenhofa, varingjena*
*por ĉiam restos vorto vere bena.*

**Postrimarko**

La estraro de UEA sciigis al d-ro A. Albault, prezidanto de la Akademio de Esperanto, ke ĝi malpermesas mian ĉeeston en la Malfermo de la kongreso. Pro tio la solena transdono de la fest-libro okazis nur en la fino de la kongreso, 1985-08-09, en la publika kunveno de la Akademio. Tial mi enkondukis mian parolon per jenaj rimarkigoj:

"Mi tre bedaŭras, ke la Estraro de UEA – kun la honorinda escepto de mia amiko Baldur Ragnarsson – malpermesis, ke en la Malfermo de la kongreso mi ĉeestu, parolu kaj transdonu al Prof. Waringhien la fest-libron. Des pli mi dankas d-ron Albault, ke en la nuna kunveno la editoro de LI KAJ NI havas la rajton paroli publike. Feliĉe, ke almenaŭ en nia Akademio plu regas la zamenhofa spirito de toleremo, vast-animo kaj libereco de opinioj."

*Reinhard Haupenthal*



*Walter Zelazny*

# TEZOJ PRI LA ESPLORPOSTULOJ PRI LA ZAMENHOFAJ VERKO KAJ VIVO KAJ TIES INFLUO EN LA ESPERANTO-MOVADO

**4. Aliaj pri Zamenhof**

Libro de M. Ziòlkowska estas simpla fabelo, ĝi posedas valoron nur el la vidpunkto de la porinfana literaturo. Libro de E. Privat estas tre bona didaktike, sed posedas multajn misfaktojn. Eseo de R. Krasko estas bona, sed ankaŭ baziĝas sur kelkaj premisoj de Ziòlkowska, kvankam aliloke opinias tezojn de ŝi kiel malĝustaj. Libro de M. Boulton estas tre bona vivskizo pri Zamenhof kun didaktikaj ecoj. Ŝajnas, ke malgraŭ "aĝo" kaj senbezonaj komparoj kun situacio en Sovetio la plej elstara studo pri Zamenhof restas plu tiu de Drezen. Elstaras kelkaj eseoj de Waringhien, tiuj posedas plej grandan valoron de la scienca analizo.

Konkludo: malgraŭ unu jarcento ekde la apero de la fenomeno ESPERANTO ĝis nun Esperantujo (kaj ekstera mondo) ne posedas kritikan studon pri Zamenhof, kiu respondus je fundamentaj kriterioj de la "historia vero" kaj "scienca objektivismo".

**5. (Mistika) Lingvo de la verko de Zamenhof.**

La lingvo de Zamenhof estas plene mistika. Ekzemploj abundas. Por kompreni Zamenhof necesas pensi unue per liaj kriterioj kaj per lia **reto de nociaro.** Multaj nocioj posedas neniun klaran difinon : *neŭtrala, mistera fantomo, scienca kategorio de la dogmo, vero de la estonteco, regnaro, universo, hereda sango,* ktp.

Konkludo: nepras verki apartan vortaron de la Zamenhofa penso.

**6. Historiozofio laŭ Zamenhof (Provo rekonstrui ĝin)**

Ni ekscias de judoj, la judoj de Moseo, Moseo rekte de Dio, ke: iam estis paca, justa, logika, harmonia mondo. Homoj vivis kiel fratoj. Verŝajne falsaj profetoj por atingi proprajn celojn (regnon, forton, riĉecon) falsigis bildon de la ekesto kaj estinteco kaj pro tio la homaro dividiĝis. Tio kaŭzis i.a. diferencojn: lingvajn, resp. kalendarajn, popolajn, religiajn, morajn, ktp. Dio ne intervenas, sed atendas, ke la homaro revenu al unueco. Tiun

proceson Dio benas. Ne ĉiuj homoj kulpas pri diferencojn. Eble eĉ la kulpintoj ne plu vivas, sed oni nur ekfunkciigis tiun "perpetuum mobile"-n. Restas spuroj de malbono: ĝuste d i f e r e n c o j . Eble en si mem ili ne estas malbono, kondiĉe ke apud ili daŭrus procesoj de la neŭtraligo, kiuj unuigas diferencojn. Sed povas ekzisti du tavoloj de la vivo de la homaro: unu tavolo diferenciga, la alia unuiga. La historio solvos ĉu venkos nur u n u i g o , ĉu ekzistos ili ambaŭ samtempe kaj eterne.

En tiu senco estas komprenata n e ŭ t r a l i g o kiel "**redemptor**". N E Ŭ T R A L I G O estas la plej granda ŝtupo de la penso de Zamenhof kaj atingas en lia doktrino econ de paradigmo. Neŭtraligo ne opozicias al io neneŭtrala.
Neŭtraligo ekzistas en si mem. Kiel ni rimarkas, la zamenhofa historiozofio estas entute la malnovtestamenta: ĉiujn ties strukturojn eblas trovi en la judaisma penso. Nur iom elstaras Dio en ĝi, kiu - kiel ni diris - estas ĉe Zamenhof jam la novtestamenta. Tio kio estas r e d e m p t o r en la teologio kristana ĉe Zamenhof estas n e ŭ t r a l i g o (la nocio aperanta en kelkaj variaĵoj). Eblas analizi la Zamenhofan "neŭtral-" el religioscienca vidpunkto, t.e. klasifiki "neŭtral-" laŭ ties funkcio en la sistemo de Zamenhofa religio : "sacrum" kaj "profanum". "Sacrum" koncernus eternajn celojn universalajn: religio, moro, etiko. "Profanum" koncernus rimedojn : lingvo, kalendaroj, temploj, geografiaj nomoj, neŭtraleco kiel afero de takto ktp.

La supre montritaj tezoj kaj konkludoj permesus pli bone kompreni esencon de la Zamenhofa penso kaj ĉ e f e transporti la diskuton pri la fundamentaj aferoj de la disvolviĝo de la Zamenhofa penso sur pli altan nivelon. Oni devus revizii kelkajn klasikajn demandojn pri Zamenhof: lia nacieco, rolo en la Ido-skismo, nacia konduto al judoj, poloj, rusoj, litovanoj, francoj, ktp. Ili permesus pli profunde malkovri v a r s o v i a j n (ne Bjalistokajn) radikojn de lia doktrino kaj fine sintezi "niajn komencojn" kaj malkovri en kiu grado la movado estas kreaĵo de Zamenhof, kiu(j) plie (ĉef)rolis kaj en kiu grado. Nuna bildo de la komencoj de la movado kaj tiuj de Zamenhof ne posedas sufiĉe da priskriboj. Ni esperantistoj plu troviĝas inter la kvazaŭ fabeletoj (Ziòlkowska, Privat) kaj vero.
Oni devas bedaŭri, ke UEA mem ne instigas al tiaj esploroj aŭ opiniante ilin solvitaj aŭ ne valoraj, UEA preferas konservi stereotipojn. Tiuj mankoj devas esti nepre ŝtopitaj por pli profunde retrovadi esperantan identecon en la mondo.

Varsovio. marto '84.

**Walter Z e l a z n y**

Kelkaj monatoj post la fino de la eseo mi trovis eblecon legi la verkon de N.Z. Maimon "La kaŝita vivo de Zamenhof", Tokio 1978. La libro, sendube la plej elstara inter ĉiuj zamenhofologiaj, ĉefe pro dokumenta karaktero respondas je multaj tezoj de mia eseo, sed ne pri ĉiuj. Maimon ne celis ĉion malkovri, ĉar tio ne eblas. Sed nun mi konscias, kiel malmulte valorus zamenhofologio sen spertulo en la jida kaj hebrea lingvoj, sen eminenta serĉanto tra historio kaj religioj. Sen la eseisto, kiu sukcesis rekrei la atmosferon de tiu zamenhofa mondo, kiun por ĉiam detruis la nazismo. Dankon al N.Z. Maimon!
Al tio necesas aldoni jenon: diversmaniere homoj solvas fundamentajn problemojn. Por intelektulo fundamenta problemo estas ebleco akiri bezonatan literaturon. En Varsovio de Jaruzelski (kaj antaŭe ankaŭ) tio ne ofte eblas. Parto de la libroj (eĉ esperantlingvaj) ne rajtas eniri Pollandon; se jam, tiam mizereco de la sovetisma pola vivo ne permesas elspezi proverbajn 50 Fs, ĉar tio egalis tiam nigre al ĉ.3000 Pls. Kiu statistika okcidentano elspezus 1/4-1/3 de la monata salajro por aĉeti ekz. LI KAJ NI aŭ NI KAJ LI? Efektive temas pri tiaj teruraj financaj rilatoj inter Okcidenta mondo kaj Pollando. Tio kaŭzis, ke mi aŭdis pri la verko de Maimon, sed ne povis ĝin posedi.

**W.Z.**






# METROPOLITENO

## de Vladimir Varankin

En ĉi tiu romano ni jam komentis paĝon pri la subjektivaj sentoj de la heroo, Vitalij. Hodiaŭ ni elektas paĝon pri socia kaj politika vivo, por montri la multecon da aspektoj de tiu ĉi riĉa verko. Jen la teksto de V. Varankin :

*...jen Rudolf anoncas, ke la mitingo komenciĝas. Parolon por saluto li prezentas al mi. La publiko silentiĝas. Ne ĉiutage oni vidas tiel proksime rusajn bolŝevikojn!* ***Mi rememoras mian unuan paroladon antaŭ kamparanoj.*** *Mi agitis tiam kontraŭ la drinkado. Mi estis sidanta en sufoka kaj tre malpura domaĉo, malhele lumigita per flagrantaj lampoj. Oni povas nur konjekti, ke la domaĉo estas plenega. En tabakfumo estis naĝanta la unua vico da benkoj. Min estis rigardantaj brilantaj en duonlumo okuloj, nekombitaj barboj kaj duonmalfermitaj buŝoj kun nigriĝintaj pro la tabako dentoj. Junaj knabinoj en helkoloraj bluzoj estis sidantaj, ĉirkaŭpreninte la ŝvitiĝintajn junulojn kaj, kvazaŭ aŭtomatoj, elkraĉis formaĉitan semŝelon.*

*La germanaj kamparanoj en tiu pura luma restoracio, apud la biertabloj, tute ne similas tiun vilaĝon. Sed ili rigardas min per same brilantaj okuloj, kvazaŭ atendante ion eksterordinaran.*

*Kion diri al ili? Mi ja estas tute kunligita per la konstitucia leĝeco. Mi salutas ilin per kelkaj vortoj kaj aproba murmuro kuras sur la bieraj kruĉoj. Mi rakontas al ili pri la konstruado de l' socialismo en USSR kaj oni aŭskultas min atenteme. Sed kiam mi estas rimarkanta, ke la laboristoj kaj kamparanoj de Rusio nur tial venkis kontraŭ la nobeloj kaj burĝoj, ke ili batalis kontraŭ la komuna malamiko kune, oni suspektis min pri la komunista agitado. Inter la kamparana parto komenciĝis bruado.* ***Oni interrompas min*** *kaj tiu maljunulo, kiun ni estis vizitintaj, komencas kontraŭdiri:*

*- La rusa kamarado estas agitonta nin pri komunoj. Ni konas ĝin! Sed kio estas aplikebla en Sovetio, estas tute malaplikebla ĉe ni.* ***Ĉu mi devas ankaŭ la domon fordoni al la komuno?*** *La domon, kiun mi kun tiaj malfacilaĵoj alaĉetas! Eble, en Sovetio la domojn oni donas senpage al la kamparanoj, sed ĉi tie oni prenas por ili monon! Ĉu mi ankaŭ la maŝinojn kaj la brutaron fordonu? Ne, tion mi ne konsentas.*

*La parolado havas multajn revokojn. La kamparanoj plendas, ke la laboristoj ne komprenas ilin, ke la laboristoj vivas pli bone kaj estas trudontaj al ili siajn ideojn. Alice prenas min je la brako.*

*- Ĉu vi aŭdas? Jen estas niaj kamparanoj!*

*Ŝi prenas parolon kaj rakontas pri la militdanĝero.*

*- Neniu malpermesas al vi opinii, ke nur en Rusio estas konstruebla la socialismo.* ***Ĉiu povas havi sian opinion.*** *Sed ĉiuokaze neniu el ni deziras malbonon al Sovetunio. ("Ŝi pravas!" - oni kriis el la salono). Tamen, kontraŭ Sovetoj estas preparata la milito kaj eble morgaŭ oni sendos vin kun fusiloj en la manoj kontraŭ viaj sovetiaj fratoj!*

*(p. 95-96, TK, Kopenhago 1977.)*

Ĉi tiu mitingo okazas dum septembro 1928., en la germana kamparo, apud Berlino. La rakontanto estas Vitalij, juna rusa inĝeniero, kiu venis en la germanan ĉefurbon por pristudi la konstruadon de metropoliteno, ĉar oni planas la saman konstruadon en Moskvo. Pasloĝinte en Berlino, li eĉ partoprenas la kampanjojn de germanaj komunistoj en ilia organizaĵo "Rote Fahne" (ruĝa fronto). Tiam en la jaro 1928-a ili agitadas kontraŭ la tutnovan kirasŝipon, kiun la socialdemokratoj konsentas konstrui. La komunistoj opinias, ke ĉi tiu konsento estas militminaco malfavore al la Soveta Lando. Do ili provas ribeligi la laboristojn kaj la kamparanojn, precipe en la Berlina regiono, kontraŭ la konstruado de ĉi tiu kirasŝipo. Temas pri pacisma movado, sama kiel la hodiaŭa movado kontraŭ la nukleaj raketoj.

◊ **Mi rememoras mian unuan paroladon antaŭ kamparanoj :** Vitalij komparas la nunan mitingon kun antaŭa kunveno en malgranda rusa vilaĝo. La rusaj kamparanoj ŝajnis multe pli malriĉaj, pli malpuraj ("nekombitaj barboj", "ŝvitiĝintaj junuloj"), pli subevoluintaj ("elkraĉis formaĉitan semŝelon") ol la germanaj kamparanoj. Oni devis paroli al ili pri morala instruo ("kontraŭ la drinkado"). Male, la germanaj kamparanoj estas riĉaj kaj puraj ("en tiu pura luma restoracio"), kaj bone organizitaj, tiel, ke ili ne nur aŭskultadas, sed, eĉ pri politikaj tendencoj, diskutadas, kontraŭdiras, opiniadas.

◊ **Oni interrompas min :** Do Vitalij konfuziĝas, ĉar fremdulo, li ne bone konas la vivon de tiuj al kiuj li volas paroli pri la socialismo. Post la unua scivola intereso, tuj kiam li mencias la necesan kunigon de la laboristoj kaj kamparanoj por venki la komunan malamikon, tuj ili interrompas lin, kaj li ne plu povos paroli. Tie la verkisto bone elvokas du klasojn havantajn tre malsamajn interesojn, ĉar la laboristoj estas proletoj, dum la kamparanoj estas bienuloj. Tamen ekzistas komuna malamiko, almenaŭ unu : la milito, kaj ĉiuj, kiuj planas militon.

◊ **Ĉu mi devas ankaŭ la domon fordoni al la komuno ?** : Kio mallogas la kamparanojn, tio estas ĉefe la kolektivismo, la kunigo de la bienoj. Kamparanoj ĉiam volas mastri siajn bienojn, kiujn iliaj praavoj ekhavis kaj kultivadis. Ĉiuj scias, ke tre malfacile estis en Ruslando kolektivigi la bienojn por krei kolĥozojn. La bolŝevistoj devis ekstermi centmilojn da kamparanoj, tiel nomitajn "kulakoj". Ne mirigas, ke la germanaj kamparanoj rifuzas obstine la saman fatalaĵon.

◊ **Ĉiu povas havi sian opinion** : Oni certe povas admiri la spertecon de la dua agitistino, Alice. Tiu juna fraŭlino estas vera Berlinano kaj burĝdevena. Do ŝi bone konas siajn samcivitanojn, burĝojn, laboristojn aŭ kamparanojn. Ŝi tre lerte transpasas de la ŝoka ideo de kolektivigo al pli taŭga punkto, kiu estas militdanĝero. Tiu minaco timigas ĉiujn aŭskultantojn, ĉar ili konservas certe tre malbonan memoron de la unua mondmilito. Tiel multe da edzoj, patroj kaj filoj mortadis tiam, ke la postvivantoj rifuzas la teruran revenon de ĉi tiu plago.

K o n k l u d e, tiu paĝo elmontras la sukceson kaj la limojn de la agitado. Kiam oni antaŭsciigas iun minacatan plagon, ĉiuj konsentas ribeli kontraŭ tiu fatalaĵo; sed oni proponas ŝanĝi la vivsituacion, plejmulto rifuzas tion, ĉefe la bienhavantoj, ĉar ili ŝatadas siajn kutimojn kaj timadas rajtuzurpadojn fare de la politikaj gvidantoj.

**T a s k o 1 - a.**

Montru per kelkpaĝa eseo post la trastudado de iu elstara verko, ke la literaturo ofte liveris taŭgan analizon de la socia vivo de iuj epoko kaj lando. Ĉu tiaj legaĵoj sufiĉas por bona kono de la homara historio ?

Bonvolu sendi via(j)n eseo(j)n al LA GAZETO! Profesoro post ellegado akceptos aŭ malakceptos ĝin (ilin). Se via eseo estos akceptita, ni sciigos al vi ke vi gajnis unu poenton de NIA GIMNAZIO. Kvar poentoj rajtigos pri diplomo de la unua jaro de NIA GIMNAZIO. Dudek poentoj rajtigos pri STUDDIPLOMO PRI LA ESPERANTA LITERATURO garantiita de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj. Vi povas komenci, haltigi kaj rekomenci vian studlaboron iam ajn.






( en la numero 0 )

Nia volo estas eldoni klerigan periodaĵon seneraran. Sed la realo obstine rifuzas konformiĝi al niaj emoj : restas, kaj probable restos eraroj en LA GAZETO. Tion ni ne povas akcepti! Kelkaj el niaj legantoj bonvolis atentigi nin pri la misaĵoj, kiujn ili trovis en la ĵurnalo. Dankon al ili, kiuj ne nur konsciigis nin pri nia devo celi la perfektecon en kleriga periodaĵo, sed donis al ni ideon pri la kielo. De nun, LA GAZETO publikigos siajn erarojn, kaj la nomojn de la legantoj, kiuj trovis ilin, kaj atentigis nin pri ili. Tri abonantoj, kiuj trovintos la plej grandan nombron da eraroj dum unujara abonperiodo, ricevos premiolibron je 15DEC86. La aliaj bonvolos, almenaŭ ni esperas, ekkapti siàn skribilon, kaj korekti la malkovritajn erarojn. Tiel, per via helpo, ni alvenos al preskaŭ senerara jarkolekto de LA GAZETO.

**p.4.** Anstataŭ : "tial ke kiamaniere oni scipovas diri mia tajloro estas riĉa", devus esti : "tial ke oni scipovas diri : "mia tajloro estas riĉa". (ni mem).
**p. 11.** Anstataŭ : "Tiam komencas tragedio", devus esti : "Tiam **komenciĝas** tragedio". (S-ro Kribo, F; s-ro Signoret, F).
**p. 11.** Anstataŭ : "Li memorigas nin atestantoj", devus esti : "Li memorigas **al ni atestantojn**". (S-ro Signoret, F).
**p. 11.** Anstataŭ : "li ne aperas", devus esti : "li ne **aspektas**" (S-ro Kribo, F).
**p. 17.** Anstataŭ : "◊ **tiel griza** : Ĉu Olga..." ĝis "...al ŝi.", devus esti : ◊ **tiel griza** : Olga ne alkutimiĝis vidi "grizan vivon", sed la vivo, kiu eble ne estas tia, ŝajnas al ŝi esti griza. La Plena Analiza Gramatiko (PAG) nomas tian propozicion "atribua ec-propozicio" kaj donas, i.a. la ekzemplon : "mi trovis la vinon bona = mi trovis, ke la vino estas bona". (S-ro Erling, N; s-ro Signoret, F).
**p. 17.** Anstataŭ : "igis la infanojn ne dezirindajn", devus esti : igis la infanojn ne **dezirindaj**". (S-ro Signoret, F).
**p. 19.** Anstataŭ : "putritan viandon", devus esti : "**putrintan** viandon". (S-ro Kribo, F).
**Rimarko** : Vi mem certe korektis la tajperarojn, kies listigado estus tro longa kaj teda.




# LA GRAMATIK(L)A PUNKTO

Jean Thierry



**1- ELEMENTA STUDOPAŜO.**

**El la FUNDAMENTO § 12 - La numeraloj**

Kvin kaj sep faras dek du.
5 + 7 = 12

Dek kaj dek faras dudek.
10 + 10 = 20

Kvar kaj dek ok faras dudek du.
4 + 18 = 22

Tridek kaj kvardek kvin faras sepdek kvin.
30 + 45 = 75

Mil okcent naŭdek tri.
1 8 9 3

- - * - -

Unu kaj unu faras du.
1 + 1 = 2
Unu plus unu estas du.

- - * - -

**NEVARIAJ ELEMENTOJ**

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| CIFERO | 0 | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | | |
| VORTO | nul | unu | du | tri | kvar | kvin | | |
| FONETIKO | nul | u:nu | du: | tri: | kvar | kvin | | |
| CIFERO | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 100 | 1000 |
| VORTO | kvin | ses | sep | ok | naŭ | dek | cent | mil |
| FONETIKO | kvin | ses | sep | ok | naŭ | dek | tsent | mil |

**A P L I K O J**

| | | |
|---|---|---|
| 0 nul | 10 dek | |
| 1 unu | 11 dek unu | 10 dek |
| 2 du | 12 dek du | 20 dudek |
| 3 tri | 13 dek tri | 30 tridek |
| 4 kvar | 14 dek kvar | 40 kvardek |
| 5 kvin | 15 dek kvin | 50 kvindek |
| 6 ses | 16 dek ses | 60 sesdek |
| 7 sep | 17 dek sep | 70 sepdek |
| 8 ok | 18 dek ok | 80 okdek |
| 9 naŭ | 19 dek naŭ | 90 naŭdek |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 100 cent | 101 | cent unu | 110 | cent dek |
| 200 ducent | 202 | ducent du | 220 | ducent dudek |
| 300 tricent | 303 | tricent tri | 330 | tricent tridek |
| 400 kvarcent | 404 | kvarcent kvar | 440 | kvarcent kvardek |
| 500 kvincent | 505 | kvincent kvin | 550 | kvincent kvindek |
| 600 sescent | 606 | sescent ses | 660 | sescent sesdek |
| 700 sepcent | 707 | sepcent sep | 770 | sepcent sepdek |
| 800 okcent | 808 | okcent ok | 880 | okcent okdek |
| 900 naŭcent | 909 | naŭcent naŭ | 990 | naŭcent naŭdek |

| | |
|---|---|
| 1111 | mil cent dek unu |
| 2222 | du mil ducent dudek du |
| 3333 | tri mil tricent tridek tri |
| 4444 | kvar mil kvarcent kvardek kvar |
| 5555 | kvin mil kvincent kvindek kvin |
| 6666 | ses mil sescent sesdek ses |
| 7777 | sep mil sepcent sepdek sep |
| 8888 | ok mil okcent okdek ok |
| 9999 | naŭ mil naŭcent naŭdek naŭ |
| 11111 | dek unu mil cent dek unu |

| | |
|---|---|
| 111111 | cent dek unu mil cent dek unu |
| 222222 | ducent dudek du mil ducent dudek du |
| 333333 | tricent tridek tri mil tricent tridek tri |
| 444444 | kvarcent kvardek kvar mil kvarcent kvardek kvar |
| 555555 | kvincent kvindek kvin mil kvincent kvindek kvin |
| 666666 | sescent sesdek ses mil sescent sesdek ses |
| 777777 | sepcent sepdek sep mil sepcent sepdek sep |
| 888888 | okcent okdek ok mil okcent okdek ok |
| 999999 | naŭcent naŭdek naŭ mil naŭcent naŭdek naŭ |

**V A R I A J E L E M E N T O J**

1 000 000 unu miliono (da), 2 000 000 du milionoj (da), 1 000 000 000 unu miliardo (da), du miliardoj (da), k.t.p.

E K Z E R C O : - 1 - 22 - 333 - 4444 - 55555 - 666666 - 7777777 - 88888888 - 999999999 - 1111111111 -

# KIOM KOSTAS HUNDAĴO ?

Ŝi ektremetis.
- Mi ne povus engluti ĝin ...
- Kial ne ? Miaj geavoj manĝadis rataĵon dum la milito.
- Ho, jes... Ŝi hezitis. ...rataĵon mi povus manĝi, se endus, sed hundo estas... kiel diri... preskaŭ amiko, familiano.
- La Afrikaj hundoj ne estas tiom kvazaŭ homaj, kiom la Eŭropaj. Ili fakte ne estas, afekcie, pli proksimaj al Afrikanoj, al ŝafoj, kameloj, kaproj, porkoj, tio estas bestoj, kiujn oni ĉiutage buĉadas.
- Ĉu vi volas diri, ke hundoj estas en Afriko bredataj por vendado al buĉistoj ?
- Mi ne scias. Ŝajne jes. Ĉiumaniere hundaĵo havas prezon, same kiel ceteraj viandoj.
- Ĉu ? ... Kiom ĝi kostas ?
- 1000 Togoajn spesojn, unu hunĉjo.
- Kio estas la Togoa speso?
- Franko, tiel nomata C.F.A.-franko, franko de la franca ekonomia komunaĵo en Afriko.
- Kiom ĝi valoras ?
- 1 franca franko valoras 50 CFA-frankojn.(1)
Ŝi konkludis :
- Do, oni povas aĉeti mezgrandan hundon per 20 francaj frankoj.(2)
-Jes, mia Togoa amiko elspezis ĉirkaŭ 20 frankojn por nutri min.
- Kaj kiom estas lia monata salajro ?
- Li perlaboras ĉirkaŭ 15000 CFA-frankojn monate, la duoblo de dek kvin mil estas tridek mil, dividite per cent estas tri cent,... li gajnas 300 francajn frankojn monate(3). La hundaĵo do kostis du tagsalajrojn.

(daŭrigota)

Notoj :

1. - 1Fs = ĉirkaŭ 0.15 ekuo
2. - 20Fs = ĉirkaŭ 3.00 ekuoj
3. - 300Fs = ĉirkaŭ 45.00 ekuoj



Foirejo en Bombuako (TG)

